# Aŭstraliaj  Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 09/11/2017 Tricent- kvardeksepa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Freelang Vortaro* * *Plena Ilustrita Vortaro* * *Esperanta Retradio* * *Google Translate* * *Pasintaj eldonoj**

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,090,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **240,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,330,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**

# Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.

## N.ro 1 de “La Verbo en P.A.G.”.

La **Plena Analiza Gramatiko** de **Waringhien**  kaj  **Kalocsay** eldonatis unue en la jaro 1935 kaj plurfoje poste, en postaj eldonoj, pliampleksigatis kaj plibonigatis de la aŭtoroj. La verko plu estas la plej kompleta kaj plej fidebla trakto profunda ante la gramatikon de Esperanto. En 130 paĝoj el la sepcent paĝoj de la tuta libro ĝi pritraktas specife la diversajn vortkategoriojn. El tiuj 130 paĝoj la traktado ante la verbon okupas tridek paĝojn, do multe pli ol por la aliaj vortkategorioj. En la sekvonta dudeko da A.E.-oj mi klarigos la profundan traktadon ante la verbon, kun miaj refutoj en la kazoj kie mi ne samopinias. En tiuj artikoletoj miaj la frazoj elĉerpitaj el la libro estos inter citiloj, dum miaj klarigoj kaj miaj malkonsentoj estos sen citiloj.




*Marcel Leereveld.* 



*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-kluboj videblas nur se oni raportas al AE.* *Roger S*

**Fotoj bezonas nomojn. Artikoloj bezonas kapfoton. Aŭstralio estas granda lando.**

**La celo estas krei kunligatan Esperantan familion. Sendu memkaptitan foton *(selfie)***





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 4an de Novembro ĉeestis John Casey, Roger Springer, Chris Holliss, Ian Wylles, Michael Peters kaj 17 jaran Lochlann Niddrie kiu lernas per Duolingo. Li komencis ĉi jare kaj parolas/ komprenas Esperanton sufiĉe bone post kelkaj monatoj. Enuice Graham pardon petis ĉar ŝi estis en la malsanulejo por kontroli la resulton de falo ĉe ŝia hejmo. Tre bone ke ne estis serioza afero kaj ŝi esperas ke ŝi venos al nia venonta kunveno. *Roger Springer*









*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-kluboj videblas nur se oni raportas al AE.* *Roger S*

**La celo estas krei kunligatan Esperanta familion. Sendu memkaptitan foton *(selfie)***



# Sendu la gramatikon al la diablo !



Jes, multaj homoj malŝatas la gramatikon de lingvoj, inkluzive de sia propra. Ili volegas ne lerni ĝin. Nur tre malgranda procento ŝatas aŭ interesiĝas ĝin, AŬ pro scienca tialo, lingvismo, AŬ ĉar ili ŝatas la arĥitekturon de lingvoj. La plejmulto ne interesiĝas pri ĝi kaj ne deziras lerni ĝin se ne necesas. Aliaj eĉ malŝategas lerni ĝin kaj, se estus permesata, ŝatus mortigi vin se vi penas instrui ĝin al ili. Kelkaj el miaj proksimaj samfamilianoj apartenas al tiu lasta grandega grupo.



Ĉu la 98% da infanoj kaj da plenkreskuloj pravas ne interesiĝi pri la gramatiko? Jes, ili rajte pravas ne lernemi ĝin, ĉar ili tute ne bezonas la gramatikon por perfekte uzi sian lingvon. Ili perfekte uzas ankaŭ sian domon sen scii la arĥitekturon de la konstruaĵo. Instrui la arĥitekturon al la 98% da homoj estus malvalora perdo de tempo, preskaŭ krima, ĉar ili ne bezonas ĝin. Instrui la gramatikon de sia lingvo estas malvalora perdo de tempo, preskaŭ krima, ĉar ili ne bezonas ĝin, inkluzive la lernejanojn. Do: al la diablo la arĥitekturo kaj la gramatiko en la lernejoj! Ĉiuj homoj, krom la infanoj, ja lernas paroli sian lingvon imitante la ĉirkaŭantulojn ĉirkaŭ si. Kaj perfekte, se la ĉirkaŭantoj parolas ĝin perfekte. “Perfekte” ĉi tie signifas perfekte por iliaj interesoj kaj laboroj en la vivo. Ĉiu homgrupo havas siajn proprajn interesojn kaj laborojn kaj do ankaŭ sian propran lingvoperfektecon. Antaŭ la ekzisto de skribo kaj lego la homoj ja jam sengramatike perfekte imitis la lingvon de siaj antaŭuloj kaj transdonis ĝin perfekta al siaj postvenantuloj. Do lerni la gramatikon de sia etna lingvo estus diabla malŝparo. Sekve tiuj kiuj ne volas lerni la gramatikon pravas tute. Oni lernas sian lingvon simple de siaj ĉirkaŭuloj, sen gramatiko. Se ili praktikas gramatikajn regulojn, ili nekonscie kreis tiujn en sia menso kaj nekonscie uzas ilin, same kiel ili nekonscie uzas sian kuirejon por kuiri. Eĉ por lerni fremdan lingvon oni ne bezonas scii la gramatikon de sia propra lingvo. Oni simple lernas, se oni ne estas infano, la gramatikon de la fremda lingvo, por ŝpari iomete da tempo.

Ja, fakte, nur se vi estas Esperantisto, vi ŝparas multe da tempo se vi lernas ĝian gramatikon. Kaj kial? Ĉar lernante Esperanton vi kreas la lingvon. Vi povas lerni Esperanton same kiel vi povas, sen gramatiko, lerni fremdan lingvon, kaj eĉ tiel vi lernas ĝin dufoje pli rapide ol lerni etnan fremdan lingvon; kvarfoje pli rapide ol la anglan, kaj sepfoje pli ol la ĉinan. Interkrampe viaj pranepoj verŝajne devos ĉiuj lerni la ĉinan, se oni ne akceptos Esperanton intertempe. Do, se tamen vi decidas lerni Esperanton per la gramatiko, vi lernos ĝin kvinfoje pli rapide ol vi lernos ne tro malfacilan lingvon etnan.



Nu, ĉar lernante Esperanton vi lernas krei la lingvon, pro Zamenhof, vi tamen devas lerni la diablan gramatikon. Sed konsolatu! Se vi ne aŭ nebone lernis, aŭ forgesis, la gramatikon de via etna lingvo, vi trovos la Esperantan gramatikon pli facile komprenebla kaj uzebla. Do lernante Esperanton forgesu la senbezone lernitan gramatikon de via gepatra lingvo kaj kreu la lingvon per la malmultaj kaj kompare facilaj gramatikaj reguloj logikaj de Esperanto! Kelkaj el vi, kaj ĉiuj infanoj, eĉ trovos la regulojn sen lerni ilin, depende de la Esperanto-instruisto.

*Marcel Leereveld.*






*Petro Danzer* *BES Sekretario*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Hobarto





Esperanta Ludvespero Ĉe Domo de Berndt Wechner.

Sabatvespere, 9-9-2017, okazis ludvespero ĉe la domo de Berndt Wechner, Hobarto, Tasmanio. Maj, Gypsiana, Michael Carney el Sudaŭstralio, Berndt, kaj mi ĉeestis.

Adel Verpflichtet (Angla nomo estas "Hoity Toity"), verktita de Klaus Teuber dum 1990 estis ludata. La tablo-ludo rilatas al blufo kaj gajno de poentoj rilate al la sekvantaj celoj:

1) Gajno de premioj ĉe antikvaĵaj ekspozicioj, kapto de rabistoj dum ekspozicioj

2) Plibonigado de via ekspozicioj per

a) gajno de antikvaĵoj ĉe aŭkcioj aŭ b) ŝtelo de antikvaĵoj dum ekspozicioj

3) Ŝtelo de mono dum aŭkcio,

La konkursanto, kiu gajnis sufiĉan nombron da poentoj, gajnas la ludon.

Gratulon al Gypsiana, filino de Berndt pro gajno de la ludo. Gypsiana gajnis multajn premiojn en antikvaĵaj ekspoziciojn. Ŝi bone ŝtelis almenaŭ du el miaj antikvaĵoj, kiuj estis tre valoraj por mia kolekto. Alia tialo pro mia perdo estis, ke mi ankaŭ nesaĝe aĉetis antikvaĵojn, kiuj ne kontribuis rendimente al mia kolekto. Miaj rabistoj malbone ŝtelis aliies antikvaĵojn kaj ili estis facile kaptitaj! Berndt diris, ke la ludo estis tiom populara en Germanujo kiom la populareco de la ludo "Monopoly" en Britio kaj Aŭstralio. Mi kaj la aliaj tre ĝuis la ludon kaj lia pretendo certe estas tre kredebla.

Poste, ni ludis alian ludon, kiu nomiĝas Blata Pokero. (Cockroach Poker) La ludo konsistas el 64 kartoj, kiuj dividiĝas al 8 bestaj emblemoj, kiuj inkluzivas blaton, arakidon, muŝon, ranon, skorpion kaj aliajn. La ludo malgraŭ

nomo fakte rilatas malmulte al pokero, sed oni devas atingi la lertecon de blufado. Kontraste al la antaŭa ludo la celo de ĉi tiu ludo estas eviti la kolekton de specoj de kartoj.

Se ludanto gajnas kvar kartojn de la sama emblemo, la homo fariĝas perdanto kaj la aliaj partoprenantoj estas gajnantoj.

Bedaŭrinde mi estis la perdanto de la ludo, sed Michael Carney eble estis tre proksima gajni ĉi tiun postenon! La ludo estis tre ĝoja afero kaj mi certe entuziasmas por alia ludvespero!

Pli da informoj pri la ludoj estas atingeblaj ĉe

1) https://boardgamegeek.com/thread/1787322/revisiting-spiel-des-jahres-winners-hoity-toity-k

2) https://boardgamegeek.com/boardgame/11971/cockroach-poker



Kam Lee dum 18-12-2016, ĉe *Blinking Billy Point* en *Lower Sandy Bay*, Hobarto, Tasmanio, kiu estas la plej bona loko por rigardi kruzŝipojn. Dum la Somera 2016-17 turista sezono, 47 grandaj kruzŝipaj vizitoj okazis.

Ofte la ŝipoj vizitas Hobarton dum la mateno, kaj forlasas dum la malfrua posttagmezo. En la fono estas la ŝipo "Ovation of the Seas", kiu estas 348 m longa kaj povas porti 4,180 pasaĝerojn (po du homojn litĉambre) kaj la unua vojaĝo okazis en Aprilo 2016. La ŝipo povas veturi maksimume ĉe 41 km hore. *Kam Lee*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.

## Bona rakonto kaj bona Esperanto. Ĉapitro 4. Mi iras Anglujen (dua ero)



Alveninte al Hoek mi ne povis trovi Bryan, kiu ja siatempe ankaŭ ne povis trovi min. Li estis irinta per pli frua ŝipo al Harwich en Anglujo. Demandinte iun, mi eksciis ke la venonta ŝipo al Harwich foriros nur en la vespero. Mi devis do pasigi multajn horojn en tiu tre grava angulo de la mondo. Mi diras grava, ĉar iel ĝi gravas, ĉar oni povas de tie iri al Anglujo. Mi profitis de la tempo, kaj promenis al la razisto en la urbeto, kiu

forskrapis mian haŭton, kaj permesis al mia barbo, ke ĝi restu sur la vizaĝo. Vi povas imagi mian aspekton, kiam mi fine, post multaj malagrablaĵoj, rekuniĝis kun Bryan.

Fine vesperiĝis kaj oni enlasis nin en la ŝipon. Mi devis aristokrate pasigi la nokton sur la ferdeko sub la nederlandaj kaj anglaj steloj. La riĉuloj post manĝado en la restoracio iris en siajn kajutojn por pasigi la nokton dormante, nepripensante pri la eĉ tre altegaj ondegoj, kiuj levis la ŝipon alten en la aeron por poste faligi ĝin sur la akvon de la Okcidenta Maro, kiun la angloj misnomas Norda Maro. Hontante mi konfesas, ke ankaŭ mi, kvankam fortega kaj grandega dano, devis iri al la ŝiprando kaj foroferi al reĝo Neptuno la tagmanĝon, kiun mi aĉetis en Hoek.

Post tio mi fartis sufiĉe bonege kaj eĉ dormetis iomete sur malgranda ferdeka seĝeto. Frue en la mateno vekis min juna angla fraŭlino, dirante al mi, “Are you O.K. ?” Estante dano mi facile komprenis “O.K.”, ĉar tio estas internacia esprimo, kaj ceteron de la frazo mi devis diveni. Sed ŝi estis ĉarma fraŭlino, kaj iamaniere sciigis al mi, ke senpaga teo baldaŭ estos servata en restoracio por ni malriĉuloj, kvankam ankaŭ ni havis aristokratajn stomakojn. La restoracio estis plenplena, sed la teo tre varmiga. Mi ne bone memoras, sed supozas, ke ni ricevis ankaŭ kelkajn biskvitojn, ĉar la angloj ĉiam manĝas biskvitojn kun sia teo.

*Daŭrigota* *Bob Felby*



## Malproksime pilotata mortiga flugilo



La pilotoj loĝas en alia lando ĉe la alia flanko de la mondo, kun siaj familianoj. Ili kontrolas la flugilon kvazaŭ ĝi estas nur komputila ludo. Maldanĝera okupo. Ĝi flugas tiel alte ke la celatoj ne povas aŭdi aŭ vidi ĝin. Ĝis la bomboj eksplodas.

**La arto de milito pli boniĝas. La Homaro devus honti.** *Roger Springer*





**3ZZZ** En la elsendo de la 6a de novembro eblas aŭdi intervjuon de nia gasto, Tristan Mcleay pri Indonezio. Tio certe interesos la esperantistojn, kiuj intencas ĉeesti la trilandan kongreson en Bekasi fine de marto kaj komence de aprilo 2018. Vi trovos pli da informoj pri tiu kongreso en la retejo de AEA informas la kunvokanto *Franciska Toubale*





# ALVOKO POR KANDIDATIĜO POR ADMINISTRA POSTENO EN LA CENTRA OFICEJO DE UEA

Universala Esperanto-Asocio serĉas novan oficiston, kiu helpos organizi la Universalajn Kongresojn. La laborloko estas en Roterdamo, Nederlando, la kontrakto validos ĝis la 30-a de septembro 2018.

Respondecoj:

administrado de aliĝoj kaj mendoj de servoj kongresrilataj, korespondado kun la interesatoj partopreni la UK-on kaj solvado de iliaj problemoj, laŭ la gvidlinoj de la Kongresa Fako kaj konsultiĝo kun la Konstanta Kongresa Sekretario.
preteco vojaĝi al la UK-oj kaj labori dum la kongreso laŭ la bezono, dum malsimilaj horoj ol en la oficejo.

dissendo de materialoj al la kongresanoj, antaŭ kaj post la UK.
helpo en la ĝenerala administrado en la Centra Oficejo kaj rilatado kun membroj.

helpo en la prizorgo de la sociaj retejoj de UEA.

aliaj laboroj laŭbezone (fizikaj laboroj kiel ekz. skatolportado, laboroj pri la domo).

Kvalifikoj kaj personaj kvalitoj:

flua rego de Esperanto (je C1-nivelo laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro)

almena skriba rego de la angla; rego de aliaj lingvoj estas tre dezirinda

bona kapablo labori sub streĉo kaj problemsolvi ĉu sole, ĉu grupe

preti labori kromhorojn, por la sukceso de la UK

bona rilatado kun membroj, klientoj
komforta uzo de komputilo kaj komputilaj programoj
tajprapideco estu pli alta ol po 40 vortoj minute

Limdato por kandidatiĝi estas la 30-a de novembro 2017.
Bonvolu sendi viajn unupaĝajn vivresumon kaj motivleteron al la retadreso: direktoro@co.uea.org . Kaze de demandoj pri la posteno, bonvolu skribi al la sama adreso: direktoro@co.uea.org . Ĉiuj senditaj kandidatiĝoj estos konfidence traktitaj.

Informis AE-on *Katja Steele*